UNUA JARO. — No 8. Unu Numero : 10 CENTIMOJ. DIMANĈO 24 SEPTEMBRO 1905.

# ★ ESPERANTO ★

PROPAGANDA ĴURNALO POR LA LINGVO HELPA INTERNACIA

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRADO :
So Paul BERTHELOT
CÉRET (P.-O.) Francolando.

ABONOJ
24 numeroj sinsekvaj : 3 fr. por la tuta mondo.
10 abonoj ĉe la sama adreso : 24 fr. nur en Francolando.

Nenian manuskripton sendu al la Administranto.

REDAKTADO :
So Ch. LAMBERT
10, str. Berbisey, DIJON (Côte-d'Or), Francolando.

Nenian administrajon sendu al la Redaktejo.

REKLAMO-ANONCOJ
Agento Ĝenerala : So EMILE GASSE
59, Phalsbourg, LE HAVRE (Seine-Inférieure).

REKLAMO EN JENAJ REVUOJ KAJ GAZETOJ :
*Espero Katolika, The Esperantist, La Brita Esperantisto, La Germana Esperantisto, La Svisa Espero, La Juna Esperantisto, Esperanto Rusa, kc., kc.*

*La numero* **9** *de* **Esperanto** *eliros DIMANĈO 8 OKTOBRO*

## ALVOKO

SAMIDEANOJ !

Terura malfeliĉego trafis la Sudan Itallandon : la tertremo mortigis kaj detruis — kiom — oni ankoraŭ ne scias, ĉar la mortigitaj, la vunditaj kaj suferantoj estas sennombraj, la domaĝo nekalkulebla.

Nia glora Majstro, Dro Zamenhof diris en la Kongreso neforgesebla en Boulogne-sur-Mer ke ni ne kunvenis kiel Francoj aŭ Angloj kun Italoj ktp., sed nur kiel *homoj kun homoj*.

Al Via *homa* koro do, Esperantistoj, mi turnas min hodiaŭ, petante :

Kolektu kaj sendu helpon al *homoj* malfeliĉegaj, en la landon, kien nia kara lingvo ne multe ankoraŭ penetris, ĉar « forte staras muroj de miljaroj ». Vi dissaltigu ilin kaj enkonduku Esperanton kune kun agado de kompatemo !

Antaŭ nelonge itala ĵurnalo skribis : « Oni ne scias de *kia koloro* estas Esperantistoj nek en kian klason ilin meti. »

Ni montru do nian klason kaj koloron : *Hom'amantoj*.

*Sub la flago verda !*

Sendu, grefratoj ; la mizero estas terura ! Kunigu eĉ malgrandetajn donacojn, ĉar multaj malgrandaj iĝos unu granda.

La nomoj de Grupoj aŭ personoj sendontaj estos publikataj en la ĵurnaloj Esperantistaj kaj ĉiunaciaj. Vi presigu kaj disdonu aŭ dissendu tiun ĉi petegon. Mi danke akceptos ĉion por niaj malfeliĉeguloj.

Sino Rosa JUNK.

*Bordighera, Italujo, Liguria.*

* * *

*Esperanto* kun fervoro malfermas siajn kolonojn por tiu ofero. Por eviti neutilajn poŝtelspezojn, la Francoj povas sin turni al ni mem : ni akceptas eĉ poŝtmarkojn. La etato de donacoj estos presata en nia venonta numero : ni esperu ke ili estos multaj kaj ke ni havos la plezuron transsendi al nia fama samideanino sumon kiu pruvos ke esperantistoj ne estas nur parole homamantoj.

ESPERANTO.

## POST LA KONGRESO

*Pri la Komedio* « **Edziĝo Kontraŭvola** »

Post la kongreso de Boulogne, preskaŭ ĉiuj ĵurnaloj, kiuj pri ĝi raportis, parolis pri la komedio de Molière « *Le mariage forcé* », lerte esperantigita de Victor Dufeutrel kaj ludita dum la festoj de la kongreso. Kaj ja, per la prezentado de *Edziĝo kontraŭvola* », oni nepre pruvis la mirindan taŭgecon de Esperanto, jam almontrita de Hamleto, l'Avarulo, la Fundo de l'mizero, k.t.p., por literaturo. Kaj oni povas diri ke neniam oni vidis tian aferon : komedion de Molière ludatan de aktoroj de naŭ malsamaj nacioj, en lingvo internacia artefarita. Mi pensis do ke estus interese por la legantoj de *Esperanto*, egale por ĉiuj esperantistoj, sciiĝi kiel ni preparis tiun komedion kaj mi petas ilin eniri dum kelkaj minutoj la kulisojn de l'teatro kie mi klarigos al ili la pretigadon de « *Edziĝo Kontraŭvola* ».

Jam de l'tempo kiam oni decidis ke la 1a kongreso de Esperanto okazos en Boulogne-sur-Mer, oni intencis prezenti, ne nur dialogojn, monologojn kaj kantojn, sed veran teatraĵon, tradukon de grava verko de fama franca aŭtoro. Oni disputis longe pri la elekto farota kaj fine mia amiko Dufeutrel decidis traduki « *Le mariage forcé* », de Molière, kiu iĝis en Esperanto « *Edziĝo kontraŭvola* ». Ludi komedion de Molière en Esperanto estis kurioze, sed Sro Michaux volis pliegigi l'intereson proponante ke la aktoroj kiuj ludus la rolojn estu diversnaciaj. Malgraŭ niaj timoj pri la sukceso de komedio tiele preparita, la propono estis akceptata. Oni sendis la tradukon en presejon kaj la verko revenis dek kvin tagojn nur antaŭ la kongreso. Oni tuj skribis al *nur nome* konataj geesperantistoj kiuj, preskaŭ ĉiuj, akceptis rolon. Sed restis la longa rolo de Sganarelo. Kiel organizanto de la Kongresaj koncertoj, mi jam preparis alian teatraĵon kun sindonemaj boulogne'aj geamikoj kaj preskaŭ tute ne okupis pri « Edziĝo kontraŭvola », lasante tiun zorgon al Sro Michaux. Ian tagon, mi iras ĉe Sron Michaux kaj scivoleme demandas al li ĉu li trovis Sganarelon. Post nea respondo, kaj malgraŭ timoj, sed kalkulante ke dum 10 tagoj oni povus lerni la rolon, mi tuj proponis ĝin preni sur min. Mi ne divenis tiam je kiaj timoj mi preparis mian spiriton ! Mi do prenis en mano la libreton kaj ĉiutage irante oficejon, revenante hejmen, manĝante, promenante, mi lernis, lernadis mian rolon. Mi petis amikojn ke ili legu la aliajn rolojn por ke mi provu la deklamadon de la mia. La afero estis terure malfacila. Mi iafoje tute malesperis kaj iris tuj ĉe Sron Michaux por diri al li : « Mi kredas ke estas tute neeble ludi tiamaniere tiel gravan verkon. Ni ne povas sukcesi. Ni ne povos, nur post unu aŭ du antaŭludoj kun la alilanduloj (se ili venas !) prezenti ion bonan antaŭ la publiko. Mi do opinias ke ni devus forlasi nian ideon. » Sro Michaux, rigardis min, kaj mi kredas hipnotigis min, ĉar mi eliris el lia domo daŭrigante mian lernadon...

* * *

Alvenis la kongreso... Kelkaj tagoj antaŭe, ĉiam pro timo de malsukceso, mi skribis rapide poŝtkartojn al la aktoroj por esti certa pri ilia alveno kaj pri ilia lernado. Restis nur kvin tagoj antaŭ la kongreso, kaj mankis aktoroj por du roloj : unu ciganino kaj Marfuriuso. Mi kuras ĉe Sron Michaux kaj tion diras al li. Rapide, kuraĝplene (kiel ĉiam) li prenis libreton, ĝin trarigardis, kaj al mi diris : « Mi ludos Marfuriuson, pri la ciganino, mi kredas ke mia filino... ». Tiam la servistino alvenis kaj anoncis ke gesinjoroj Avilov, el Tiflis, deziras vidi Sron Michaux. Ili eniras. Oni salutas kaj parolas pri la longa vojaĝo farita, pri la kongreso, pri la koncertoj, pri « *Edziĝo kontraŭvola* » kaj ĉar, Sino Avilov tre bone parolas en Esperanto kaj estas tute aminda, Sro Michaux, nur post kelkaj minutoj da interkonatiĝo, tuj klarigis l'aferon kaj petis de Srino Avilov la akcepton de la rolo de la ciganino. Sino Avilov ne ŝajnis deziri akcepti, nek ankaŭ ŝia edzo. Sro Michaux insistis, montris ke, akceptante, ŝi treege helpos nin kaj fine, post konvinkiga paroladeto, li sukcesis ricevi « kontraŭvolan respondon » ! Oni klarigis la roleton kaj Sino Avilov prenis libreton por lerni. Mi do iris ĉe la presiston kaj skribis, sur la programo, Sinon Avilov por la rolo de la ciganino kaj Sron Michaux por la rolo de Marfuriuso. La programoj presitaj, mi ilin portis ĉe nian prezidanton kiu ridis vidinte sian nomon por la rolo de Marfuriuso kaj diris ke se li *ŝajnis* akcepti, tio estis nur por min kuraĝigi !... Sed ke li trovus nepre alilandulon sammaniere kiel li faris kun Sino Avilov. Do, ĉiam Marfuriuso mankis.

Vendredon, 4an de Aŭgusto, matene, alvenas niaj amindaj gesamideanoj de kanadlando. Sro Michaux, post kelkaj paroloj de akceptado, tuj proponas la rolon de Marfuriuso al Sro Saint-Martin kiu, malgraŭ la proksimeco de la tagludo, ĝin afable akceptas. Fine, jen nia aktoraro estas plena ! Ĉio estas bone... sed oni devas antaŭludi kaj la aliaj aktoroj ne jam alvenis.

Tiam, dum du tagoj, oni vidis Sron Saint Martin promenantan tra la stratoj, lernantan sian rolon, oni vidis Sinon Avilov rapide peti konsilojn kaj veni en teatron por kutimi je la sceno kaj la salono. Vendredon vespere, alvenas Sino Junck, el Bordighera, kaj ambaŭ, tuj post mallonga interkonatiĝo, deklamas niajn scenojn. Oni iom timetas, oni ludas, oni ludadas, kaj fine oni sukcesas. Jen sceno kies sukceso estas certa ; sed la aliaj... ?

Sabaton matene, mi iras en teatron kie Sro Michaux devis sendi la aktorojn, tuj de ilia alveno. Mi renkontas Sron Saint-Martin kiu, sola, en salono, iras dekstren, maldekstren, deklamante sian rolon, kun gestoj. Poste alvenas Sino Avilov kiu ĉiam lernas kaj ridas, Sro Ausel, boulogne'a amiko, kiu timas pri « sia dua sceno ». Ni estas kvarope. Mankas kvin aliaj ! Sro Allum, norvego, aminda malgranda blondulo, serĉas ĉie Sinon Junck kiu kun li devas ludi la solan scenon de lia rolo. Fine, li ŝin trovas kaj jen ili ekludas. Oni reciproke konsilas pri tiu aŭ alia punkto. Sino Junck prave korektas kelkajn erarojn de elparolado, Sro Saint Martin postulas la akcenton kaj mi konsilas ke oni malrapide parolu. Sed, Sro Ausel, pro profesiaj aferoj, devas nin forlasi, momente... Oni frapas sur la pordon. Eniru !... Granda, fortika viro, kun nigraj lipharoj, fumanta cigaron « Esperanto », Sro Kuchler, el Franckfort, aperas. Oni sin prezentas : Sino Junck, via komedia fratino, Sro Boulet, via komedia bofrato... Oni ridas, sed oni precipe deziras serioze labori. Alvenas tuj poste Sro Cogen (belgo), malgranda, juna advokato en Gand : jen via patro komedia, mi diras al Sro Kuchler kaj al Srino Junck kiu ludas senĉese kun Sro Allum en angulo de la salono. Oni preskaŭ ne havas tempon sin saluti kaj manojn premi, oni tuj pretigas la komedion. Fino Cederblad, el Svedujo, malfermas la pordon. Oni ŝin salutas kaj tuj, je la laboro. Mankis ankoraŭ Sro Mudie, el London, kiun mi estis vidinta la antaŭan tagon kaj kiu estis dirinta al mi : « Ne timu, mi ellernis, ĉio estos bona ».

Oni do ludas, sed neniam ni povis ludi tute plene la komedion ĉar ĉiam mankis aktoroj ! Dank'al la bonvoleco kaj la sindonemeco de ĉiuj, la afero estis sur bona vojo kaj tio ĝojigis ĉiujn precipe min timeman iĝantan tute konfida.

Nun, ni pensu pri kostumoj kaj perukoj ! Ni ĉiuj iris ĉe la friziston kaj ĉe la kostumistinon por mendi, laŭ niaj preferoj, kion ni bezonis por ludi.

* * *

Alvenis la horo de la oficiala malfermo de la kongreso kaj mi ne devis forgesi la organizacion de l'unua koncerto kaj precipe la komedion « *Mensogo pro amo* » kiu, krom kelkaj malfacilaĵetoj, estis pli trankvile lernita. Dimanĉon matene, kelkaj (sed, ne ĉiuj) aktoroj venis por antaŭludi denove. Sed la kostumoj ne jam alvenis. Oni decidis ke oni ne iros en Wimereux, ĉe la ĉevalkuradoj, por antaŭludi kaj provi la kostumojn. Tion oni faris kaj, ne sen ia lasta timeto, ni vidis alproksimiĝi la horo terura kiu nin vidus, sur la sceno, nur post tiel rapida pretigado.

La vespero alvenas. Oni komencas sukcese la internacian koncerton dum ni ĉiuj kostumiĝas kaj friziĝas. Oni parolas, ridas, ŝercas kvazaŭ oni estus amikoj de 10 jaroj, sed oni precipe lastfoje relegas siajn rolojn.

Jen nia programa numero. Ni estu pretaj ! Fine kaj por la unua fojo ĉiuj kune ĉeestis ! Oni pretigas la ornamaĵojn de la sceno, Sro Ausel kuras al mi por, ankoraŭ unu fojon, antaŭludi « sian duan scenon » kaj poste, oni aŭdas tri frapojn, la kurtenego leviĝas kaj... sentime antaŭen ! Pri la komedio, ĉiuj ĉeestantoj ŝajnis kontentaj. Oni multe aplaŭdis. Ni ĉiuj estis feliĉaj pri tiu rezultato kaj tiu plezuro iĝis pli granda kiam oni diris al ni ke Dro Zamenhof deziris niu vidi en sia loĝio. Ni trairis la koridorojn de l'teatro kie niaj brilaj kostumoj incitis la kuriozecon kaj ni iris saluti la karegan doktoron kiu nin tro afable gratulis.

Jen, karaj gelegantoj, la historio de la prezentado de « *Edziĝo kontraŭvola* ». Mi kredas estis la eĥo de ĉiuj ĉeestintoj adresante al Sino Avilov kaj Junck, al Fino Cederblad, al Sro Allum, Ausel, Kuchler, Mudie kaj Saint-Martin mian plej sinceran kaj koran dankon pro la bona helpo kiun ili donis al mi por la organizacio de la kongresaj koncertoj.

Paul BOULET.



## DIVERSAĴOJ

**Svisa Esperantista Societo**

Kiel ni jam anoncis, okazas hodiaŭ la ĝenerala jara kunveno de la Svisa Esperantista Societo. Jen la programo tia kiel ĝin sendas al mi la prezidanto So Schneeberger.

*Matene.* — Alveno en Lucerno. — Akcepto ĉe la stacidomo per la Komitato. — Kunveno en Hotelo « Grütli » preparo de la aferoj.

*Ĉe la 11a.* — Ĝenerala kunveno. — Traktaĵoj : Raportoj jaraj de l'Sekretario, de l'Kasisto, de l'Kontrolantoj. Elekto de l'Komitato, de l'Prezidanto, de l'Kalkulkontrolantoj. Disputado pri la venonta internacia kongreso. — Elekto de Urbo. — Diversaj proponoj.

*Ĉe la 1a.* — Festeno en la Hotelo « Grütli ». Paroladoj oficialaj. Promenado aŭ vaporŝipirado se la vetero ne estas bona. — Vizito de la Paca muzeo. (Senpage por la Kongresanoj). — Esperanta ekspozicio en hotelo « Grütli ». — Vendo de libroj kaj gazetoj. — Amuzaĵoj.

*Festkarto*, por SESanoj : 4 fkj. — Por neanoj : 5 fkj. Sekretario de l'Organiza Komitato : S-ro Ed. ZEDER, Stadthopstrasse 9. — Lucerne.

La granda nordamerika gazeto *New-York Herald* publikigis specialajn telegramojn de sia korespondanto en Boulogne. Precipe la multegeco de verdaj steloj mirigis la ĵurnaliston. Ili estis, li diras kun komika lirismo, pli multaj ol la aŭtunaj folioj en l'arbaro de Vallombrosa, pli multaj ol la ruĝaj rubandoj en Parizo !

*The Evening Mail* 26 VIII 05 enhavas grandan dukolonan artikolon en unua paĝo, sub titolo *Triumph of Esperanto*. La korespondanto ankaŭ rimarkis la grandan nombron de niaj signoj kaj ne donas al Esperantistaro alian nomon ol : *The Brotherhood of the Green Button*, la Frataro je la Verda Butono.

En ĉiuj partoj de la mondo resonis la eĥon de nia unua kongreso.

* * *

Ni plezure anoncas ke la venonta eldonado de *Cassel's Popular Educator* (angla revuo por meminstruantoj), kiu aperos je la 25a de Septembro, enhavos serion da lecionoj pri Esperanto, verkitaj de So G. W. Bullen el Londono, kun helpo de So E. A. Millidge. La komerca vortareto estas afable korektita de So John Ellis el Keighley, So Sam. Meyer el La Rochelle kaj So D. H. Lambert. Sendube, la akcepto de Esperanto en tiu ĉi revuo, kiel egalulo kune kun la aliaj lingvoj antikvaj kaj modernaj lernotaj, multe helpos al la disvastigado de Esperanto en angle parolantajn landojn.

**Esperantista Grupo de Oullins**

La esperantista grupo de Oullins (Rhône) Francujo) estis fondita la 17an de Januaro 1905, konsekvence de la Esperantaj kursoj faritaj en 1903 kaj 1904 de la tre sindonema kaj distingita profesorino Sino Sarpy (medalita de T. C. F).

Tiu grupo, kvankam freŝe fondita, enhavas nun dekses membrojn :

Sino Sarpy, profesorino de Esperanto ;
Soj Ferlat, prezidanto ;
Janné, vicprezidanto ;
Fyot, sekretario ;
Sino Ferlat, asesorino ;
So Phily, asesoro ;
Finoj Reine Elisabeth ; Gruat Lucie ; Gruat Jeanne ; Lhermet Blanche ;
Sinoj Haond ; Cardona ;
Soj Néolier ; Gauthier ; Combet ; Cardona.

*La Sekretario*, L. FYOT.

## LA DEKLARACIO

**Nova teksto akceptita en la Kongreso**

Ĉar pri la esenco de la Esperantismo multaj havas tre malveran ideon, tial ni subskribintoj, reprezentantoj de la Esperantismo en diversaj landoj de la mondo, kunvenintaj al la internacia Kongreso Esperantista en Boulogne-sur-Mer, trovis necesa laŭ la propono de la aŭtoro de la lingvo Esperanto doni la sekvantan klarigon.

1. La Esperantismo estas penado disvastigi en la tuta mondo la uzadon de lingvo neŭtrale homa, kiu « ne entrudante sin en la internan vivon de la popoloj kaj neniom celante elpuŝi la ekzistantajn lingvojn naciajn », donus al la homoj de malsamaj

nacioj, la eblon kompreniĝadi inter si, kiu povus servi kiel paciga lingvo de publikaj institucioj en tiuj landoj, kie diversaj nacioj batalas inter si pri la lingvo, kaj en kiu povus esti publikigataj tiuj verkoj, kiuj havas egalan intereson por ĉiuj popoloj. Ĉiu alia ideo aŭ espero, kiun tiu aŭ alia Esperantisto ligas kun la Esperantismo, estos lia afero pure *privata* por kiu la Esperantismo ne respondas.

2. Ĉar en la nuna tempo neniu esploranto en la tuta mondo jam dubas pri tio, ke lingvo internacia povas estis nur lingvo *arta*, kaj ĉar el ĉiuj multegaj provoj, faritaj en la daŭro de la lastaj du centjaroj, ĉiuj prezentas nur teoriajn projektojn, kaj lingvo efektive finita, ĉiuflanke elprovita, perfekte vivipova kaj en ĉiuj rilatoj pleje taŭga montriĝis nur unu sola lingvo Esperanto, tial la amikoj de la ideo de lingvo internacia, konsciante ke teoria disputado kondukos al nenio kaj ke la celo povas esti atingita nur per laborado praktika, jam de longe ĉiuj grupiĝis ĉirkaŭ la sola lingvo *Esperanto* kaj laboras por ĝia disvastigado kaj riĉigado de ĝia literaturo.

3. Ĉar la aŭtoro de la lingvo Esperanto tuj en la komenco rifuzis unu fojon por ĉiam ĉiujn personajn rajtojn kaj privilegiojn rilate tiun lingvon, tial Esperanto estas « nenies proprajo », nek en rilato materiala, nek en rilato morala.

Materiala mastro de tiu ĉi lingvo estas la tuta mondo kaj ĉiu deziranto povas eldonadi en aŭ pri tiu ĉi lingvo ĉiajn verkojn, kiajn li deziras, kaj uzadi la lingvon por ĉiaj eblaj celoj ; kiel spiritaj mastroj de tiu ĉi lingvo estos ĉiam rigardataj tiuj personoj, kiuj de la mondo esperantista estos konfesataj kiel la plej bonaj kaj plej talentaj verkistoj de tiu ĉi lingvo.

4. Esperanto havas neniun personan leĝdonanton kaj dependas de neniu aparta homo. Ĉiuj opinioj kaj verkoj de la kreinto de Esperanto havas, simile al la opinioj kaj verkoj de ĉiu alia esperantisto, karakteron absolute *privatan* kaj por neniu devigan. La sola unu fojon por ĉiam deviga por ĉiuj esperantistoj fundamento de la lingvo Esperanto estas la verketo « Fundamento de Esperanto », en kiu neniu havas la rajton fari ŝanĝon. Se iu dekliniĝas de la reguloj kaj modeloj donitaj en la dirita verko, li neniam povas pravigi sin per la vortoj « tiel deziras aŭ konsilas la aŭtoro de Esperanto », Ĉiun ideon, kiu ne povas esti oportune esprimata per tiu materialo, kiu troviĝas en la « Fundamento de Esperanto », ĉiu esperantisto havas la rajton esprimi en tia maniero, kiun li trovas la plej ĝusta, tiel same, kiel estas farate en ĉiu alia lingvo. Sed pro plena unueco de la lingvo al ĉiuj esperantistoj estas rekomendate imitadi kiel eble plej multe tiun stilon, kiu troviĝas en la verkoj de la kreinto de Esperanto, kiu la plej multe laboris por kaj en Esperanto kaj la plej bone konas ĝian spiriton.

5. Esperantisto estas nomata ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto tute egale, por kiaj celoj li ĝin uzas. Apartenado al ia aktiva Societo esperantista por ĉiu esperantisto estas rekomendata, sed ne deviga.

Tekste prenita el *Lingvo Internacia.*

## AL LA JUNULOJ

Oni tre rimarkis, en la Kongreso, la paroladon de Sro Privat pri la disvastigado de esperanto inter gejunuloj. Post tio, la kongresantoj diskutis pri la enkonduko de l'esperanto en la lernejojn. Tio estas tre bona, kaj mi arde deziras la atingon de tiu celo.

Tial mi proponas novan rimedon. Oni scias ke ekzistas regula internacia korespondado inter liceanoj kaj gimnasianoj de diversaj landoj por pli perfekta kono de la fremdaj lingvoj. Tiu ĉi, fondita kaj organizita de Sro Profesoro Mielle, estas koncentrigita en la Revue Universitaire.

Ĉu oni ne povus krei ankaŭ intergimnasiana korespondado ? Unue la nunaj esperantistaj junuloj eniros en ĝi. Due tiuj el ili kiuj korespondadas nacilingve kun fremduloj invitos siajn korespondantojn eklermi esperanton kaj aliĝi al esperanta korespondado.

Tio estos kvazaŭa nukso ; jam ekzistos la estonta organizacio. Tiam la ceteraj gimnazianoj estos invitataj partopreni en ĝi. Ofte oni diras al mi : « Mi tre favoras esperanton, sed en kio ĝi utilos al mi ? » Sammaniere pensas multaj junuloj. Sed kiam estos esperanta korespondado, utilos al ili esperanto.

Precipe al la junulinoj mi rekomendas tion. Por ili la studado de fremdaj lingvoj estas malfacila kaj malmulte ebla pro la tempo mankanta. Kontraŭe la lernado de esperanto estas nur ludo, kaj ĝin uzado tiel agrabla !

Nature la korespondado povos fariĝi ne nur inter diverslingvanoj, sed ankaŭ inter samlingvanoj, ĉar por ĉiuj esperantistoj estas fremda studata lingvo. En tio nia esperanta korespondado superas la alian.

Por konduki bone tiun aferon, bezonas centra organo kaj iniciatoroj.

La centra organo, nature montrita, estas la jurnalo *Juna Esperantisto* (9, Avenue des Vollandes, Genève) ; sed *Esperanto* ankaŭ proponas sin, se necesas, por koncentrigi la organizadon kaj la nomojn de la korespondantoj.

La iniciatoroj estos ne la gimnazianoj mem, al kiuj plej ofte mankas spirito iniciatema, sed la profesoroj. En multaj liceoj profesoroj lernas esperanton. Kiel ili ne invitos siajn lernatojn al tio ? Jam baldaŭ rekomencos en la kursoj : jam alvenas la tempo tion fari.

Se tiu ĉi mia propono plaĉas, mi petas la ceterajn esperantistajn jurnalojn represi ĝin, por ke ni trafu plej baldaŭ la fondon de intergimnasiana korespondado.

Ch. Lambert.

## EL BELGUJO

La 12-15 de Aŭgusto okazis en Lieĝo kongreso de fizioterapio. Ĉeestis multego da kuracistoj el diversaj landoj kaj, kiel en ĉiuj kunvenoj da malsamnaciuloj, oni povis aŭdi lingvojn de ĉiuj ĉefaj eŭroplandoj kaj ankaŭ la ĉiulandan ĉiunacian Esperanton.

Oni multe parolis kaj skribis pri la malhelpo de la malegaleco da lingvoj okazadanta en ĉiuj internaciaj kongresoj, sed por konvinkiĝi orele kaj okule kaj por ŝati la tutan bonfarecon de nia kara Esperanto oni devas nur unufoje ĉeesti en ia tia kongreso.

Jen kongreso de fizioterapio : iru belga kuracisto legas raporton pri kuracado per sistemo da vaporbanoj. La plejmulto da ĉeestantaj germanoj, kelkaj angloj kaj hispanoj lin aŭ tute ne komprenas, aŭ komprenas tiel malmulte ke la vaporbanoj komencas enuigi ilin. Post kelkaj minutoj tiuj-ĉi personoj, por kiuj la sekreto de la nova sistemo de vaporbanoj certe ne estos malkovrita ĝis ilia reveno hejmen, kiam ia amiko tradukos la presitan raporton, eliradas en la antaŭĉambron, promenadas, fumadas kaj eniras nur kiam la sekretario diras al ili, ke alvenis ilia vico legi raporton. Kiam ili legas la plejmulto da kuracistoj komencas la promenadon en la antaŭĉambro.

Komuna intereso, komuna partopreno en kontraŭdiroj malestas, kaj en fino la kongreso perdas sian « raison d'être » kaj fariĝas kunveno por komune ĉirkaŭrigardi la Lieĝan ekspozicion.

Nia amiko Dro Krikortz el Stokholmo altiris la atenton de la fizioterapistoj al Esperanto tralegínte raporton en pura bonstila Esperanto.

Tio estas, ŝajnas al mi, la unua esperanta raporto legita en internacia scienca kongreso, kaj la ekzemplo estas indega da imitado. Kompreneble, ke krom la franca esperanta amiko Dro Saquet el Nantes, Sro Günzbourg, sekretario de la Kongreso kaj la skribanto de ĉi-tiuj linioj, neniu el la ĉeestantaj komprenis nian amikon.

Dro Saquet afable prenis sur sin la rolon de tradukisto kaj klarigis la enhavon de la raporto kaj la funciado de prezentita aparato.

Inter mi, ruso, Dro, Saquet, franco kaj Dro Krikortz, svedo ne ekzistis lingvobariloj. Ni tre agrable kaj lerte priparoladis pri diversojn temoj. Tiuj tri tagoj restos unu el la plej agrablaj memorajoj en mia vivo.

Ni devas tutkore danki estimatan doktoron Günzbourg el Antverpeno, sekretario de Kongreso, kiu havis la feliĉan ideon enkonduki Esperanton kiel oficiala lingvo en la Kongreso. Mi povas diri, ke de nun almenaŭ la kuracistoj, kiuj ĉeestis en tiu kongreso, ekinteresiĝos je Esperanto, ĉar dum tri tagoj ili aŭdis esperantan parolon, vidis niajn gazetojn, jurnalojn kaj lernolibrojn kiujn mi vendadis kaj montradis starante apud tablo plena da esperantajo.

G. Sloutzky,

*Sekretario de Lieĝa Grupo Esperantista.*

## SPRITAĴETOJ

*Ĉe la skulptisto.*

Skulptisto verkis buston de juna fraŭlino.

La fraŭlino (ekzamenante la verkon) — Mia patro ne estos kontenta pri la busto, ĉar ĝi ne estas sufiĉe viva.

La skulptisto — Ho ! fraŭlino, mi ne povas vin fari tiel viva kiel *li*.

*Malpeza doto.*

Klara — Paĉjo, kion vi donos al mi, kiam mi edziniĝos ?

Avarulo — Mian konsenton.

## NIA KONKURSO

Legu en no 9 de *Esperanto* la kondiĉojn kaj detalojn de nia unua

**GRANDA KONKURSO**

malfermata inter ĉiuj legantoj. — Facilega por ĉiu. — Multaj premioj.

Unua premio :

**BICIKLETO LUKSA**

Marko *Esperanto.*

## NIA LUKSA ELDONO

Laŭ la deziro de kelkaj abonantoj ni decidis krei luksan eldonon de *Esperanto* komencante de no 9.

Tiu eldono presata sur bela papero dika, kun ĉia ebla zorgo kaj korekteco, estos sendata en koverto al abonintoj je prezo de *kvar frankoj* por dekdu numeroj sinsekvaj. Aldonajoj kaj donacoj estos rizervataj por tiu speciala eldono.

L'Administranto.



mb. *barbiero, barbiro*, anstat. *barbisto.*

**barelo** ligna likvujo cilindrumoforma.

**bari 2** trafermi, starigi obstaklon tra : -la vojon, la vidon, la esperon.

mb. *bariero* anstat. *barilo, bartrabo.*

**barikado** (milit.) barajo, obstaklo nepreparita.

**barko** akvoveturilo : boato, ŝalupo, pramo estas barkoj | **flos -**: trabajaro aranĝata kiel barkajo.

**bario** ŝtofo simpla metala (Ba = 136,4) | **barito** : barioksido.

**barono** titolo nobela.

**basko** parto flaganta de iaj vestoj kiel frako, jako, kc.

**baso** muzikilo, kantisto kiu produktas sonojn basajn | **-a, -e** : v. *soni.*

**bastardo** filo de adultulo.

**basto** interna parto de l'arba ŝelo.

**bastono** longa peco de ligno, branĉo aŭ trunko de arbeto : - de promenado, -de flago, -de bilardo, - d'episkopo, lamkc.

**batali 1** agadi per malamikaj faroj = pugne -, parole - | komp : -kontraŭ la malklereco, -por la sukceso de Esperanto | **-o** : perforta agado = la -por la vivo ; milite = sanga -; ŝipa - | **-anto** : kiu batalas = militisto -a.

**bataliono** (milit.) aro de piediraj militistoj sub ordonoj de komandanto = bataliono estas dividata je rotoj.

**baterio** aro d'aparatoj similaj kune agantaj = elektra -, kanona -.

**bati 2** doni unu aŭ kelkajn frapojn, frapadi : -grenherbon, - feron varman, plat- oron, al-najlon ; ho mia kor' ne -u maltrankvile | por dolorigi = - infanon, - ĉevalon per la vipo | **-o** : frapo = la horloĝo sonoris dek batojn.

**batrakoj** dua klaso de vertebruloj, enhavanta ranoj, bufoj, tritonoj, salamandroj, kc.

**bedaŭri 2** malĝoji pro perdo, malsukceso, eraro, malprofito ia = - tempon pasintan ; -monon, amikon perditan ; - bonan okazon ellasitan ; - malĝustan parolon, malbonan faron ; - sian junaĝon | **-o** : malplezuro pro pasintajo = li forlasis ŝin sen - ; mi mortos pro -; bedaŭre mi ne povas.

**bedo** (ĝardenarto) malgranda spaco da tero pli longa ol larĝa sur kiu oni kulturas = - de tulipoj, - de salatoj.

**beko** korna buŝo de birdoj = ornitorinko estas la sola kvarpieda besto kiu havas -on | **-i** : frapi per -.

**bela** kiu efikas impreson agrablan, ĉu vide : - koloro, viro, pejzaĝo, pentrajo, kc., ĉu aŭde : - voĉo, kanto, muziko, kc., ĉu idee : -ago, versajo, rakonto, kc. | **-o** : kaŭzo abstrakta de tiaj impresoj = ni sentas la -n, ne povante ĝin difini ; ĉiu homo havas amon al la - | **-arto** : arto elveki en l'animo impreson de belo : pentrarto, muziko, literaturo estas bel-oj ; belarta revuo ; ne ĉiu pentristo estas bel-isto | **-eco** : propreco de ajoj belaj = la -eco estas nedaŭra | komponajoj : belulo, belparolulo, belskribarto, ktp ; ornamoj povas pli-igi belajon, sed kiel ajn oni ornamu mal-ajon, oni ne povos ĝin beligi.

**benko** sidejo larĝa kun aŭ sen dorsapogo por kelkaj personoj.

**beni 2** fari religiajn ceremoniojn favorigajn pri aŭ por iu aŭ io = beni preĝejon, flagon, geedzojn, popolon | parolante pri Dio : favori = Dio vin benu ! vi estas benata ĉiuj virinoj.

**benzeno** aŭ **feno** hidrokarbido vaporiĝema kaj odora ($C^6H^6$) | **benzino, benzolo** : komercaj malpuraj benzenaj miksajoj | **benzoo** : aroma rezino tirata el arbeto *stirako benzoa.*

Vidu *feno.*

**bero** frukto karna, sen kerno : -de groso | **-aro** : grupo de beroj fiksitaj sur sama trunketo : -de riboj, de vino.

**besto** organisma estajo sentema kaj propramova ; v. *zoologio.*

**beto** veg. *(beta).*

**betulo** arbo *(betula).*

**bezoni** senti ke io estas necesa (per si mem aŭ por ia celo) = ĉiu -as ami ; oni -as leĝon ; mi -as panon ; nia ideo -as tempon por sukcesi | **-o** : sento de neceseco = la -oj de la vivo ; mi havas urĝan -on de mono ; tiu malfeliĉulo estas premata de -o.

**biblioteko** libraro, librarejo, libroŝranko, kc.

**bieno** posedajo konsitanta el tero kulturita aŭ ne kun ĉiuj dependajoj | **-ulo** : posedanto de - | **-etato** : registro kiu enhavas la detalan priskribon de landaj bienoj.

**biero** fermentinta trinkajo, preparita per hordeo kaj lupolo | **-ejo** : biertrinkejo.

**bilanco** etato aŭ inventaro de l'debito kaj kredito de negocisto.

**bilardo** tablo pli longa ol larĝa, kun elastaj randajoj, sur kiu oni ludas per ostaj buloj = ludo de -.

**bilo** ĉiu skribajo havanta leĝan valoron, dokumento, aferpapero, kc. = kambio, akcio, akto, kc. estas -j | **-eto** : malgranda bilo, ŝuldatesto = li subskribis dek -jn je diversaj datoj ; -de banko.

**bindi 2** kunkudri kajerojn de libro kaj surmeti kovrilon.

**binoklo** duobla lorneto.

**birdo** dua klaso de vertebruloj ; la -havas du piedojn, du flugilojn, bekon, estas kovrita per plumoj kaj naskas ovojn.

**biskvito** pano du aŭ trifoje kuirita por ĝin igi pli konservebla = por longaj vojaĝoj oni ne foriras sen - | kukajo | speco de porcelano sen glazuro.

**bismuto** simpla ŝtofo metala (Bi = 206,9).

**bistro** maldensa fulgakvajo ; koloro rustoflava.

**bisturio** ĥirurgia sektilo.

**bitumo** natura miksajo de diversaj hidrokarbidoj kiun oni trovas en iaj teroj.

Sub tiu nomo oni kunigas tre diversajn stofojn kiel : *naftoj* *, pli malpli likvaj ŝtonoleoj ; *malto*, aŭ ŝtona peĉo ; *elaterito*, aŭ ŝtona kaŭĉuko ; *asfaltoj* * kc.

**blanki 1** havi koloron de ordinara suna lumo * | **-o** : sunluma koloro | **-a** : kiu havas tiun koloron = lakto, neĝo estas -j | **-ajo** : io blanka = blankajo de ovo.

**blasfemi 1** ofendi parole al Dio, al sanktajo | **-o** : malpia parolo.

**blato** g. de ins. *(blata).*

**bleki 1** krii, pri bestoj kvarpiedaj = bleki kiel leono, kiel ĉevalo, kiel porko, kiel rano.

**blendo** natura zinkosulfido.

**blinda** kiu ne havas aŭ perdis la kapablon vidi | **-ulo** : homo kiu estas -a | **-igi** : perdigi la kapablon vidi = oni -igis lin per arda fero ; komp : la brilego de l'suno min -igis ; li havas -igantan spiriton !

**bloki 2** senmovigi, haltigi la movadon, la agadon, la vivadon | *meĥaniko;* -ŝraŭbilon : ĝin puŝi tiel profunde kiel ĝi povas iri ; -haltigilon : ĝin streĉi tiel ke ĝi ne povu premi plie | *masonarto* : ŝtopi per ŝtonajoj interspacon de du muroj tiel ke ili formu nur unu firmajon | *tipografarto :* meti pecon aŭ returnitan tipon anstataŭ nelegebla vorto aŭ litero | *militarto*, -urbon, havenon : ilin ĉirkaŭi tiel ke ili estu plene izolitaj de l'ekstera lando aŭ maro = paca -ado, kontinenta -ado | **-sistemo** : sistemo kiu permesas en okazo de danĝero haltigi ĉiun movadon de vagonaroj sur parto de la fera vojo, kc.

Rim. La senco de tiu vorto, kiel de la sekvanta, estas ĝis nun malbone difinitaj en Esperanto.

**bloko** 1e rado turnanta ĉirkaŭ akso kaj laŭ kies rando kuras ŝnuro, rimeno aŭ plata ĉeno ; la ĉirkaŭrando de ŝnur-estas kava, tiu de rimen- male estas iom konveksa kaj tiu de ĉen- estas dentumita tiel ke al ĉiu dento respondas truo de ĉenero | 2e ŝtipo ? maso ?

**blonda** koloro hele flavbruna aŭ pale kaŝtana = haroj -aj.

**blovi 1** elspiri forte = li -as brue ; - sur siaj fingroj ; - sur kandelon ; - en fajfilo | komp : vento -as malvarme ; -adis terura huragano | **-ilo** : instrumento por fari venton = forĝ-ilo, fajr-ilo ; -ilo de orgeno | **-instrumento** : muzikilo kiun oni movas per blovado = fluto, klarneto | **-pafilo** : tubo per kiu oni povas elĵeti sagojn aŭ kugletojn enblovante | **for-** : forigi blovante = for - polvon.

**blui 1** havi koloron pli malpli similan al tiu de la strio G de l'suna spektro | **-o** : tia koloro = la -o de pura ĉielo | **-a** : tiakolora = cejano estas -a.

**bo-** alvorto, montras parencecon rezulte de edzeco | **-patro, -patrino, -gepatroj** : gepatroj de l'edzo aŭ de l'edzino | **-frato, -fratino** : 1e gefratoj de l'edzo aŭ de l'edzino ; 2e edzo de la fratino, edzino de l'frato ; 3e edzo de la fratino de l'edzo aŭ de l'edzino, edzino de l'frato de l'edzo aŭ de l'edzino, kc. | **-filo** : edzo de l'filino ; **-filino** : edzino de l'filo | **-kuzoj, -avoj**, kc.

**boao** serpento *(boa).*

**boato** barko, barketo | **torpedo-** : barko armita per torpedilo.

v. *barko.*

**bobeno** cilindro sur kiu oni ĉirkaŭvolvas fadenon | **indukta -**: elektra aparato konsistanta el bobenajo de kupra fadeno | **-umi, de-umi** : volvi, disvolvi fadenon ĉirkaŭ bobeno.

**boji 1** bleki, pri hundoj | komp : bleki kiel hundo.

**boli 1** esti en ia stato speciala por likvajoj ; oni diras, ke likvajo varmigata *bolas*, kiam, la temperaturo ĉesante pliiĝi, la tuta varmo liverata al la likvajo estas uzata por ĝin vaporigi = akvo -as je 100 gradoj Celsiaj sub premo de 760 m/metroj de hidrargo | komp : esti agitata kiel akvo -anta = la ondoj -as furioze ; la kolero -as en li.

**bombo** esploda kuglego = ŝargi -on per dinamito ; oni ĵetas -ojn ĉu mane ĉu per pafilego | **mar-**: esplodilo fiksita aŭ movebla en akvo kaj esplodonta ĉu per frapo, ĉu elektre | **-ilo** : kanono por ĵeti -ojn | **-umi** : surĵeti -ojn = la malamikoj -umis la havenon ; *ankaŭ :* bombi, bombardi ?

